# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

30a jaro Majo-Junio 1978 N-ro 3



LA 30-a IFEF-KONGRESO EN ROMO

de maldekstre: d-ro Mario Cavani, prez. de la fervojista libertempa organizaĵo Romo, Joachim Giessner, prez. de IFEF, senatano Alberto Del Nero, prez. de la interparlamentara grupo "Amikoj de Esperanto", d-ro inĝ. Francesco Monopoli kiel reprezentanto de la Ĝen-Dir. de la Ŝtataj Fervojoj.

## VICPREZIDANTO DE IFEF HONORIGITA

Kolego W.L. van Leeuwen, vicprezidanto de IFEF estis la 28-an de aprilo 1978 honorigita per la ordeno:

RIDDER IN DE ORDE VAN ORANJE NASSAU

pro la laboro, kiun li faris ne nur por la "Nederlandaj Fervojoj", sed ankaŭ pro la sociala laboro, i.a. por Esperanto.

La "Rayon Chef van Amsterdam C.S." sinjoro E. de Rooij skizis la meritojn de Van Leeuwen kaj por la Fervojo kaj por Esperanto. Li eĉ alparolis lin - pro la ĉeesto de eksterlanda gastino, sinjorino E. Kruse - en Esperanto. El la prononco oni povis rimarki, ke ne estas la unua fojo, ke li uzis la internacian lingvon. Post tio li pinglis la ordenon sur la roverson de lia jako. La ĉefo konsideris en tiu honoro ankaŭ sinjorinon Van Leeuwen, kiu bone apogis sian edzon kaj krome faris multe da laboro por la fervoja tuberkuloza unuiĝo. Ŝi ricevis belajn florojn.

Jen, iom pri la Esperanto-laboro de kolego Wim van Leeuwen:
de 1946 li estas ano de F.E.R.N.;
de 1951-1962 li estis la dua sekretario kaj poste la unua sekretario
de 1961-1971 li estis la redaktoro de Fervojisto, lia edzino prizorgis la tajpan laboron; de 1954 li gvidas la vojaĝoficejon de F.E.R.N. (multe konataj estas liaj vojaĝpriskriboj al la IFEF-kongreslokoj); de 1955 li estas ano de la Nederlanda Terminara Komisiono; en 1953 li estis LKK-ano de la 5-a IFEF-kongreso en Utrecht kaj en 1966 li estis LKK-sekretario de la 18-a IFEF-kongreso ankaŭ en Utrecht, lia edzino estis en ĉi tiu kongreso kasistino; li gvidis kaj gvidos elementajn Esperanto-kursojn, kaj de 1972 li estas vicprezidanto de IFEF.

Ni kore gratulas la novan kavaliron, kolegon Wim van Leeuwen.

por la IFEF-estraro
J.J. Labordus



S-ro W. van Leeuwen honorigita de sia ĉefo, s-ro E. de Rooij.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr.121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52,rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, konto 7353-350550 - DK 9800 Hjørring - DANIO

## LA 30-a IFEF-KONGRESO

### KUNSIDO ESTRARO/KOMITATO 17.5.78 EN ROMO (PUBLIKA)

1. Pr malfermas la kunsidon kaj donas kelkajn sciigojn pri la unua kunveno. Li sciigas la oficialan nombron de kongresanoj: 350 el 18 landoj.

2. Sk konstatas, ke 24 komitatanoj ĉeestas.

3. Raportoj estraraj
   3.1 de sekretariino
   akceptita per 24 voĉoj
   3.2 de redaktoro
   akceptita per 24 voĉoj
   Gimelli dankas al Rd pro la multjara laboro kaj atentigas, ke la gazetara servo en tiu ĉi kongreso antaŭvideble ne funkcios. (Poste montriĝis, ke tamen estas eldonita Bulteno n-ro 1)
   3.3 de kasisto
   akceptita 23 por, 1 sindeteno.

4. Protokolo Swanwick akceptita per 24 voĉoj.

5. Ĉk donas koncizan raporton pri sia kaj la komitata laboroj.

6. Vp laŭtlegas la de li verkitan resumon pri la raportoj de la l.a.
   Pr dankas al ambaŭ pro la valora laboro. La resumo aperos en IF.

7. Laborplano
   Pr klarigas denove la planon kaj demandas, ĉu oni deziras ŝanĝojn?
   Ĉk petas, ke la jarraportoj estu sendataj ankaŭ al la gvidantoj de la komisionoj.
   En tiu konekso Pr koncize raportas pri la situacio en la orientaj landoj.
   a) Polio. Post vizito de Pr en Bydgoszcz en junio 77, kie okazis renkontiĝo kun polaj fervojistoj kaj reprezentantoj de PEA, tiuj promesis baldaŭ sendi aliĝpeton al IFEF. Ĉar nenio okazis, Pr skribe admonis - sen rezulto. Poste Pr petis denove la helpon de UEA pere de d-ro Støp-Bowitz. Tio okazis kaj venis letero de PEA kun anonco, ke oni intencas aliĝi al IFEF kun 20 membroj. Nenio okazis. Pr denove petis intervenon de UEA, kio okazis en aprilo. Rezulto ne jam konata.
   b) Bulgario. Kiel konata, la ŝtato tie malpermesis al laŭdire ĉiuj internacie ligitaj organizaĵoj konservi siajn internaciajn ligojn. Sekve nia bulgara l.a. devis ĉesi pagi kotizon resp. la abonon de IF. Ĝis nun ĉiuj klopodoj, trovi solvon, fiaskis. Denove ni provos pere de UEA en la UK Varna kaj alimaniere.
   c) Ĉeĥoslovakio. Kiel ni eksciis, ŝajnas, ke nia tiea l.a. ne plu rajtas teni konton en la banko de Praha. Tio necesigos aŭ novan pagmanieron pere de ĈEA aŭ ni ankaŭ tie perdos membrojn. Ni klopodos havi klarecon.
   d) Rumanio. Ĉiam la sama situacio. Spite al ĉiuj provoj kaj eĉ klaraj ofertoj, la rumanaj kolegoj nenion faras, nur postulas agojn de IFEF. La rumana l.a. ekzistas de post la kongreso de Avignon. Ili neniam ĝis nun pagis mem kotizon, sed estis vivtenitaj nur helpe de apogantoj.

Ekestas diskuto pri la temo, ankaŭ pri aliaj landoj (Portugalio, Grekio ktp). Krome evoluas diskuto pri la kunlaborantoj de TK. Ambaŭ diskutoj ne donas novajn ekkonojn.
Decido: La 3 komisionoj TK, FK, VIK estu en la demandilo, sed kiel ĝis nun ili donu siajn raportojn unu-

ope en la kongreskunsido. Estas afero de la l.a., ĉu ili sendu siajn jarraportojn al la komisionoj. Ks informas pri la stato konc. la presejon Nevan, kiu translokiĝos al USono. Pro tio ni esploris diversajn eblecojn kaj trovis la plej favoran en Danio, kio ebligos al ni por la venonta jaro pli malaltajn elspezojn por IF ol por la nuna jaro. Danaj kolegoj helpos. Ni esperas, ke la venonta numero de IF en somero estos same bela kiel ĝis nun.
Pr Kontrakton ni nur faros post la ricevo de la unua tia numero.

Bulteno Interfake
Pr klarigas, ke tiu Bulteno estas kontaktilo inter la fakaj asocioj de UEA, do ne IFEF-afero. En UK Islando oni naskis tiun Bultenon kaj petas nun kunlaboron de la fakaj asocioj. La IFEF-estraro tamen decidis ne kunlabori, ĉar ni jam havas tro da dokumenta, statistika ktp laboroj. Komitatano A d-ro Phersy bonvolu postuli la Bultenon "Interfake" ĉe d-ro Støp-Bowitz.

de Bruyne atentigas, ke la presejo de UEA nun estas en Antwerpen.
Gimelli kritikas, ke de UEA ne venis respondo al leteroj de nia LKK. Ankaŭ Pr ne ricevis respondon, nek venis reprezentanto de UEA al la kongreso.
Pr oficiale plendos ĉe UEA, saman faru kom-o A en Varna.

8. Rilatoj al aliaj organizaĵoj.

8.1 Raporto de kom-o A de UEA
D-ro Phersy salutis la unuan fojon nome de IFEF, kio ĝis nun ne eblis, ĉar nur l.a. rajtis saluti. Li partoprenis la komitatkunsidojn, informis pri la 29-a IFEF-kongreso kaj pri la 30-a. Ankaŭ akcentis la polan kaj bulgaran problemojn, pri kiuj ekestis vigla diskutado. Pritraktis la bulgaran problemon ankaŭ kun la bulg. k-ano kaj estrarano Støp-Bowitz, sen trovi solvon.

8.2 Pr dankas al la raportanto. Por Varna estas antaŭvidita fervojista kontaktkunveno. Salono estas mendita por 1 1/2 horoj.

8.3 de Bruyne demandas, kiaj rilatoj ekzistas inter IFEF kaj SAT. Pr klarigas, ke ni pagas kotizon, certe ankaŭ unuopaj fervojistoj partoprenas en SAT-kongresoj, sed oficialaj rilatoj ne ekzistas. Al la pasinta SAT-kongreso en Augsburg IFEF estis invitita, sed pro malsano de Sk ni nur povis skribe saluti.

8.4 FISAIC: Pr substrekas, ke la Ĝenerala Sekretario de FISAIC, s-ro Knop, ĉeestas la tutan kongreson. La prezidantara kunsido de la FISAIC okazos en junio 1979 samtempe kun la 31-a IFEF-kongreso en Turku. Ili tie partoprenos en nia inaŭguro, kio eble povos kontribui al forigo de neĝustaj imagoj iliaj. Plue Pr donas klarigon pri la estinta kasisto de la FISAIC, s-ro Gilles, kiu kelkfoje ĉeestis en niaj kongresoj kiel reprezentanto de FISAIC. Li defraŭdis monon de FISAIC kaj de SNCB, kio kaŭzis malagrablajn reagojn en Belgio kontraŭ la kultura laboro. Nur malrapide tio pliboniĝas.

9. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj.
Pro diversaj kaŭzoj ni unue nun traktas 9.4, 9.5 kaj 10.

9.4 Historio-Komisiono: La gvidanto estas Pr, kiu donas sian raporton (vidu en IF). Post

la raporto Pr petas serĉi spertulojn, kiuj povus helpi en la grafika desegnado de la titolpaĝo de la historio-broŝuro. Tio okazos antaŭvidebl e en Frankfurt (s-ino Deutsch kaj alia kolego).

Scharf demandas, ĉu IEMW estas kontaktita.
Pr: ne jam, sed estas antaŭvidita.
Schrapp: Ĉu en la hispana muzeo troviĝas materialo?
Gimenez esploros tion.
de Bruyne: El kolorfilmoj oni kopiu fotojn.
Pr: Ni metos tion en demandilon.
Ks dankas al Pr pro la raporto.
Raporto akceptita unuanime.

9.5 Koresponda Servo.
Giovenal kiel gvidanto raportas. Ĝis nun 210 leteroj. Raporto en IF. Li devas transdoni la gvidadon al posteulo. Kolego Demissy transprenas la gvidadon. La komitato akceptas unuanime (aplaŭdo).
Pr dankas al Giovenal pro tiu kuraĝa laboro dum jaroj kaj bonvenigas s-ron Demissy. Li konatigos sian adreson en IF.

10. Situacio de la junularo.
Pr kun bedaŭro konstatas, ke kompare al Swanwick, kie ni "ripozigis" la Junularan Sekcion, nenio ŝanĝiĝis.
Ladjeviĉ mencias, ke en Yu oni fondis junularan grupon.
Scharf invitas al la Internacia Skisemajno por 17.-24.3.1979 en Maria Alm (Aŭstrio). Jam aliĝis 42 personoj. Maksimumo estos 75.

Fino de la dua kunsido.

TRIA KUNSIDO ESTRARO/KOMITATO 19.5.78 EN ROMO (PLENKUNSIDO)

1. Pr malfermas la kunsidon kaj laŭtlegas la nomojn de la mortintoj, kiujn la ĉeestantoj honoris starantaj. Estis

| | |
|---|---|
| Aŭstrio: | Franz Baumgartner<br>Alois Angermayer |
| Belgio: | Camille Boogaerts |
| ĈSSR: | Bohumil Král |
| Danio: | N.C. Thorsted |
| Francio: | Andre Mahy<br>Christian Poulain |
| Germanio: | Friedrich Hahn, Willi Röder, Günter Pawlik, Josef Friedrich, Franz Xaver Erhard, s-ino Hedwig Lemme (edzino de Alfrid Lemme) |
| Italio: | Hugo J. Ceretti en Buenos Aires (italdevena), Giovanni Gaddoni<br>Martino Faggioli<br>Angelo Zoratti<br>Giovanni Carciolto |
| Jugoslavio: | D-ro Ante Gropuzzo kaj la prezidanto de JAFE Mile Veličković (24.4. dum jarkunveno en Opatija) |
| Hispanio: | Ramon Munuera |
| Nederlando: | J. Pieter Hogeweg<br>H.v.d. Wal |

2. Sk poste laŭtlegas el la ricevitaj leteroj kaj telegramoj, kiuj plej grave venis de
Ministro pri transporto el Romo, ITF = Internacia Transportlaborista Federacio el Londono, d-ro Marjorie Boulton el Oxford, Amikaro de Esperanto (romaj parlamentanoj), Pola Esperanto-Teatro el Varsovio, kolegoj de Jong, Lok, Barks, Seemann, Delaquaize, Lemmonnier, Blondeaux, Kovár

kaj Ĉeĥa Esperanto-Asocio.

3. Sk konstatas, ke ĉeestas 24 komitatanoj.

Sekvas nun unue la ellasitaj raportoj sub 9.1 ĝis 9.3.

9.1 Terminara Komisiono, Sekereŝ
9.2 Fakprelega Komisiono, Brandenburg
9.3 Varba/Informa Komisiono, Robiolle
Tiuj raportoj aperos en IF. La raportoj estas akceptitaj de la k-o unuanime.
Precipe pripensinda estas la raporto 9.3. Nepre necesas kunlaboro de diversaj landaj asocioj. Ankaŭ en D oni jam kelkfoje provis interesigi la radio-amatorojn por Esperanto, ĝis nun sen sukceso.
Robiolle informas, ke pro multaj problemoj provizore la VIK ne funkcios. Li ne plu volas gvidi la komisionon, sed petas anoncon al li.

11. Estrarelekto.
Ĉk transprenas la gvidadon de la kunveno. La voĉojn nombras Engen, Gimelli, Gössl.
Kandidatoj estas la ĝisnunaj estraranoj Pr = Giessner, Vp = van Leeuwen, Sk = Kruse, Ks = Hauge, Rd = Delaĉuaize.
Rezulto de la voĉdonado:
Pr, Vp, Ks, Rd unuanime per 24 voĉoj, Sk 23 por, 1 kontraŭ.

12. Kongresproponoj.
1-a propono
Pr enkondukas la proponon, kiu ĉefe celas je reenkonduko de la iama tradicia nomo el la komenctempo de la federacio. Krome necesus logika adapto al la realeco, ĉar unuavice temas pri revueto de esperantistoj, ne de fervojistoj, duavice pri fervojaj esperantistoj, dum la internacia karaktero klare videblas el la subtitolo.
En la diskuto videblas, ke kelkaj k-anoj aŭ ne komprenas la celon de la propono aŭ opinias ĝin kontraŭstatute (kio ĝi ne estas) aŭ simple deziras la ĝisnunan titolon.
Voĉdonado: 10 por, 7 kontraŭ, 7 sindetenas - malakceptita.

2-a propono
Pr enkondukas ankaŭ tiun proponon kaj substrekas la neceson de la kotizaltigo post 6 jaroj sen ŝanĝo. La ĝisnuna metodo ebligis laŭprograme kolekti kapitalon kaj poste kaŭzis - same laŭprograme - deficitojn, kiuj nun formanĝis sufiĉe da kapitalo. Sekve ni konsiderinde plialtigu la kotizon, por povi plenumi niajn devojn kaj eviti pluajn deficitojn.
Por faciligi al la k-o la decidon, Ks proponas nome de la estraro novan budĝeton surbaze de jara kotizo de 17 DKr.
Robiolle: Francio ne povas akcepti, ili havas tri kategoriojn de membroj kaj diversajn, relative malaltajn kotizojn, ili devus redukti la membronombron, se la propono estos akceptita. Francio proponas por IFEF du membrokategoriojn kun resp. sen abonado de IF.
Phersy: Hungario vidas problemojn kaze de akcepto (kvankam Pr ricevis de prezidanto d-ro Bacskai certigon pri akcepto).
Engen: estas surprizita, ke post la traktado en Swanwick, oni nun denove devas trakti la saman temon. Ne komprenas tiun nunan diskutadon. Nome de ĉiuj skandinaviaj l.a. li subtenas la plialtigon, ĉar ĝi necesas por plenumi niajn devojn, ni bezonas la necesajn rimedojn; prezoj kaj salajroj plialtiĝis, la kotizo tamen estas tro malalta. IFEF laboras tre malmultekoste. Li petas akcepton.

Scharf/Gössl Aŭstrio deziras nur 15 DKr.
Gimenez akceptas sub kondiĉoj.
Labordus demandas, ĉu por la planita historio-broŝuro estas antaŭvidita sumo en la budĝeto laŭ la nova kotizo? - Jes estas -
Li rekomendas, ke en Francio emerituloj kaj familianoj plene pagu same kiel en NL.
De Sutter petas prokrasti.
Pr konsiderigas, ke oni ankaŭ estus povinta plialtigi la kotizon kelkfoje diversprocente, do entute ankaŭ je 50 procentoj. Se oni havus du membrokategoriojn, oni tamen devus fiksi la nombron de la abonantoj minimume por 1 jaro. Tiu sistemo krome efikus, ke en ĉiu lando, kiu ĝin aplikas, troviĝas sufiĉe da membroj, kiuj neniam vidas la solan ligilon inter la federacio kaj la membraro. Pr plue atentigas, ke tia sistemo necesigos validan kongresproponon (venonta kongreso) kaj postulos diversajn tekstoŝanĝojn en la statuto, kiuj devus esti prezentataj kun la resp tekstpropono(j). Memkompreneble landaj leĝoj ĉie ekzistas, sed por IFEF validas ties statuto.
Ni ankaŭ ne forgesu, ke la diversaj komisionoj kaj la komitatano A de UEA kaŭzas kostojn. Al la komisionoj oni minimume devas doni la afrankokostojn. Kiel jam en la nepublika kunsido Pr avertas pro la negativaj konsekvencoj, se la pli alta kotizo ne estas akceptata.
Voĉdonado: Por 12, kontraŭ 8, sindetenas 4 = malakceptita.

(11). Pr petas ankoraŭfoje reiri al pkt 11 de la tagordo. Li petas la k-on, konsenti la delegojn laŭ § 3 Ĝen. Reg. lasta alineo (FISAIC-medaloj) kaj § 7 Ĝen. Reg. al c) Honora Membreco por la venontaj du jaroj.
La k-o unuanime akceptas.

Pr ankoraŭfoje substrekas, ke Vp kaj Sk lastfoje estis elekteblaj. Li krome akcentas, ke ek de la 1.6.78 du estraranoj, ek de 1.1.79 tri estos emerituloj (Sk, Vp, poste Pr). Por ĉiukaze malhelpi, ke estraranoj, kiuj ne estas aktivaj fervojistoj, povos postuli pli el la kaso ol tiuj, kiuj estas aktivaj, Pr proponas provizoran kompletigon de § 24 kaj prezentos ĝin venontjare kiel kongresproponon. Jen la teksto, proponita kiel nova cif (3) de § 24: "Estraranoj, kiuj ne estas aktivaj fervojistoj, rajtas ricevi kompensojn nur en sama alteco kiel estraranoj estantaj en aktiva servo."
La k-o momente ne opinias la aferon grava. Pro tempomanko la propono ne estas traktata plu.

13. Budĝeto.
Ks petas interrompi por kelkaj minutoj la kunsidon, ĉar li devas trakalkuli ĝin denove post neakcepto de la kotizaltigo. Post kelkaj minutoj li prezentas novan budĝeton por 1979 kun enspezoj de 29.160 DKr kaj deficito de 1.460 DKr. Por IF estas budĝetitaj 22.000 DKr. Por la IFEF-historio nenio plu.
La k-o akceptas tiun budĝeton unuanime.

14. Elekto de kongresloko 1979.
Narvala definitive invitas al Turku (Finnlando) por la 15.6 (vendredo) ĝis 21.6 (ĵaŭdo) 1979. FISAIC samtempe tie organizos sian prezidantaran kunvenon. La kondiĉoj por loĝado kaj kunvenado estas bonaj. Narvala sciigas kelkajn detalojn.
La k-o akceptas unuanime.

Thuesen komunikas, ke de Kopenhago oni organizos komunan vojaĝon al Turku. Ankaŭ en Ko-

penhago oni okazigos antaŭkongresan vesperon.
Virumbrales atentigas, ke kompreneble ankaŭ eblos pertrajna vojaĝo tra norda Svedio kaj Finnlando al Turku (sen ŝipo).
Kongreslando en 1980.
Labordus invitas la kongreson por 1980. Detaloj ne jam eblas.

15. Pr sciigas, ke Sk ne ĉeestos de komenco de junio ĝis komenco de aŭgusto.
Gimelli salutas nome de s-ro P. Ceci, Bologna, membro de Honora Patrona Komitato. Li estis en la kongresejo ĝuste dum la tuttaga ekskurso.

Pr fermas la kunvenon.

Frankfurt/M la 29-an de majo 1978

Sekretariino
E. Kruse

Prezidanto
J. Giessner

## LA 30-a IFEF-KONGRESO

### Ekstrakto el la alparolo de la Prezidanto de IFEF dum la inaŭgura kunveno.

La Prezidanto komence dankas al la honoraj gastoj pro ilia ĉeesto kaj morala subteno.
Poste li daŭrigas:
"Treege mi ĝojas, trovi en la kongreslibro la salutvortojn de la Ĝenerala Prezidanto de la Internacia Federacio de kulturflegantaj fervojistoj FISAIC, d-ro Emile Schlesser, membro de nia Honora Patrona Komitato. Estas vortoj, pri tio mi estas konvinkita, kiuj venas el la koro kaj kiuj esprimas sinceran simpation por nia afero. Mi same ĝojas, ke persone venis la Ĝenerala Sekretario de la FISAIC, s-ro Friedrich Knop, por reprezenti sian organizaĵon en nia kongreso.

Ok jaroj nur pasis, de kiam IFEF kongresis en Rimini, kaj estas entute la tria fojo, ke nia itala asocio kuraĝis inviti la kongreson. Ja ĉiam estas risko okazigi tian internacian manifestacion, risko jam en normala tempo. Des pli, kiam la mondo en ĉiuj anguloj brulas, kiam la homoj ŝajnas fariĝi frenezaj. Estu pro tio mia unua devo danki al la malmultaj italaj kolegoj preparintaj tiun kongreson, ke ili spite al sennombraj neantaŭvideblaj komplikaĵoj kaj obstakloj tamen ebligis al ni la kongreson.

Ni estas en lando, kiu estas skuata de teruraj eventoj. Ne estas nia tasko trakti tiun temon tie ĉi. Sed certe neniu kontraŭas, kiam ni deziras al tiu lando same kiel al la tuta homaro, ke paca kunvivado de la homa societo finfine estos atingata. Por ni esperantistoj nenio nova, ĉar tiun vojon ni jam ĉiam iras.

Kiam vi legis en la lasta numero de nia organo "Internacia Fervojisto" la sekretarian raporton, vi certe estis seniluziigitaj leginte la komentarion pri la membrostato. Sed ni ne praktiku strutan politikon aŭ manipuladon de statistiko. Ni ne faru al ni imagojn, kiuj momente ne estas realigeblaj. Ni ekkonu, ke ekzistas fortoj, kontraŭ kiuj ni estas senpotencaj. La devizaj malfacilaĵoj en kelkaj landaj asocioj en socialismaj landoj komplikiĝis tiel intense, ke nia membronombro reduktiĝis al 2731. Jam ĉiam la sorto de la esperantistoj vaste dependis de multaj eksteraj cirkonstan-

coj. Tial ni ĉi-rilate nur povas esperi, ke la kondiĉoj iutage renormaliĝos.
Nun ni pruvu la valoron de niaj personaj kontaktoj! Kaj jam nun, komence de la kongreso, mi substrekas, ke tiu negativa influigo de nia membronombro duoble instigu ĉiujn landojn, kiuj estas liberaj en siaj decidoj, serĉi kaj trovi vojojn plialtigi siajn membronombrojn. Sinceran dankon al tiuj, kiuj jam komencis iri tiun vojon kun bonaj rezultoj.

Tamen ni ankaŭ ekkonu pozitivaĵojn. La Universala Kongreso en Rejkjavik estis granda sukceso, i.a. pro la konata prelego de la ĝenerala direktoro de UNESCO. Sekvis intertempe jam diversaj tre utilaj aliaj kontaktoj kaj paŝoj.

Sed ankaŭ rilate al IFEF ni povas konstati progresojn sur la plej grava kampo, nome la terminara. Okazis du kunvenoj de la TK dum la jaro kun kontentigaj rezultoj. Al ĉiuj, kiuj helpis en tiuj progresoj, ni kore danku. Kaj el la jarraportoj oni povas ekkoni, ke pluraj landaj asocioj forte klopodas prosperigi la Internacian Lingvon.

Kiam oni retrospektivas la vojon de IFEF dum la pasintaj 30 jaroj ek de la fondo ĝis hodiaŭ, oni povas konstati, ke la federacio en 1948 estis fondata kiel sendependa faka organizaĵo, kiu siatempe ekzistis el la tri landaj asocioj Danio, Francio kaj Nederlando. En la jaro 1973 IFEF atingis la nombron de 20 landaj asocioj; nun estas 19 kaj ni esperas, ke la pola, kiu momente mankas, baldaŭ denove estos inter ni. La plej altan membronombron ĝis nun ni atingis antaŭ 3 jaroj. Laŭvere ni povus havi multe pli da membroj, precipe en la orientaj landoj. Nia momente plej grava celo nepre estu plivastigi ĉiudirekten la informacion kaj gajni pli da membroj, precipe gejunuloj por nia afero. Tio fariĝos vivdecida, ĉar la mezgrada aĝo de nia membraro estas tro alta.

Bonvolu memori, ke en la pasintaj kongresoj mi plurfoje substrekis la altan valoron de nia libertempa okupado por la pozitiva evoluo de nia personeco. La neceso, doni al la propra persono ekvivalenton kontraŭ la komputere kaj materialisme regata ĉiutago, ekvivalenton en formo de spirita, krea, kontentiga, pozitiva okupado, tiu neceso fariĝas pli granda de jaro al jaro. Jes, ni apartenas al minoritato. Kelkfoje oni povus opinii, ke nia movado ne marŝas antaŭen. Sed post la dua mondmilito Esperanto penetris en ĉiujn kontinentojn multe pli forte ol iam ajn antaŭe kaj montris aktivecojn multrilatajn. Tio instruas nin, ke ni apartenas al movado vivoforta. Ni mem faru ĉion por subteni tiun proceson. Ni ĉiuj plifortigu nian fakan asocion, por ke ni sukcese povu festi la 75-an jubileon de la fervojista esperanto-movado en 1984. Sed ni ne streĉu niajn fortojn nur por plifirmigi nian fakan asocion, sed tra ĝi la Esperanto-movadon entute. UEA kaj la movado estas nur torso sen la fakaj asocioj, la fakaj asocioj tamen estas nenio sen UEA, sen la Esperanto-movado. Unu bezonas la alian, Esperanto bezonas nin ĉiujn, ĉiuj bezonas Esperanton. Kun elano, obstino, kuraĝo kaj saĝo ni komune paŝu en la kvaran jardekon de niaj kongresoj. La unua tasko estu, ke la 30-a kongreso fariĝu esperdona manifestacio.

En tiu senco mi deklaras malfermita la 30-an IFEF-kongreson."



## LA 30-a IFEF-KONGRESO

### Ekstrakto el la parolado
### de la Ĝenerala Sekretario de la FISAIC, Friedrich Knop
### en la inaŭguro de la 30-a IFEF-Kongreso

S-ro Knop rememorigas, ke iam estis la latina lingvo, kiu por elito de homoj servis kiel interkomunikilo. Sed d-ro Zamenhof konstatis, ke ĝi estis tro komplika, por ĝenerale servi kiel moderna interlingvo. La mankon de internacia lingvo oni klare povas observi en la turismo, kio kaŭzas izoliĝon kaj arogantecon de la turistoj. La celoj de IFEF kaj de FISAIC havas multon komunan. Pro tio li intencas lerni Esperanton.

Poste la Ĝenerala Sekretario transdonis salutojn de la Ĝenerala Prezidanto de la FISAIC, d-ro Emile Schlesser, kaj de la Bundesbahn-Sozialwerk (DB).

S-ro Knop diris ankaŭ:

"IFEF havas apartan pozicion en FISAIC. Ne tiel gravas la membronombro, sed gravas la iniciatemo. La esperantistoj fervojistaj kuniniciatis la fondon de FISAIC kaj partoprenis en ĝi antaŭ jam 25 jaroj."

Ankaŭ li substrekis la ĉie komunan problemon, ke nome la junularo estas tre indiferenta, kaj esprimis lian intencon dum la kongreso ekkoni niajn labormetodojn.

Fine s-ro Knop eldiris dankvortojn por Dopolavoro Ferroviario kaj d-ro Menabene, prezidanto de LKK.

---

La sekretariino informas:

ATENTU!

Dum la monatoj junio, julio kaj ĝis meze de aŭgusto mi troviĝas en Bona Espero en Brasilio. Bonvolu konsideri tion kaj laŭeble ne direkti dum tiu tempo korespondaĵojn al la sekretariejo en Frankfurt/Main.

Se vi iamaniere bezonos konsilojn, la aliaj estraranoj pretas dumtempe anstataŭi min.

Meze de aŭgusto mi denove estos je via dispono.

La sekretariino.

### JELF-ANOJ AL LA IFEF-KONGRESO



S-ro Nobuki, ĉe la mikrofono, alportas saluton de japanaj fervojistoj.

## LA 30-a IFEF-KONGRESO

### - Novaj honoraj membroj -

Laŭ estrara propono, la komitato unuanime decidis nomumi du novajn honorajn membrojn de IFEF. Ĉi sube ni publikigas ekstrakton el la enkondukaj vortoj de Prezidanto Giessner:

S-ro Bürger (Aŭstrio)

Johann Bürger naskiĝis en 1898 en Linz (Aŭstrio). En 1918 li komencis sian deĵoron ĉe la fervojo kiel elektrikisto en Linz kaj ek de 1932 li konsiderinde promociiĝis ĝis la rango de inspektoro. En 1958 li emeritiĝis.

Jam en 1924 Johann Bürger esperantistiĝis kaj en 1928 faris la kapablecoekzamenon. Ek de 1949 li regule dum multaj jaroj vizitis la IFEF-kongresojn. En la du kongresoj okazintaj en Aŭstrio, nome 1959 en Linz kaj 1975 en Villach, li forte kunlaboris en LKK. Post la emeritiĝo des pli da tempo kaj energio li dediĉis al Esperanto, kiu fariĝis por li dua vivtasko. Kiu atente sekvis la evoluon de nia aŭstria landa asocio, ĉiam denove ne povis preteraŭdi la nomon Bürger. Sennombrajn kursojn li gvidis. Fortan aktivecon li daŭre montris en sia hejmurbo Linz en formo de informado al la publiko kaj helpo al siaj linzaj kunlaborantoj.

Ek de 1960 Bürger estas honora membro de nia aŭstria landa asocio. Johann Bürger estas vivanta ekzemplo por ni ĉiuj. Li ne nur fariĝis esperantisto, sed ĝis lia okdeka jaro agis tiel kaj ne ŝajnas, ke li intencas ekripozi. Li konsiderinde influis la staton de sia landa sekcio, kaj lia aktiveco ofte elradiis sur internacia tereno, al la internacia federacio. IFEF agnoskas tiun samgrade estimindan fervojiston kaj esperantiston, nomumante lin Honora Membro.

S-ro Poly (Francio)

S-ro Pièrre Poly naskiĝis en 1902 en Gray (Francio). Jam en aĝo de 20 jaroj li esperantistiĝis kaj ne apartenis al la kategorio de tiuj samideanoj, kiuj nur ĝuas la avantaĝojn de la movado; jam antaŭ la dua mondmilito li gvidis kursojn en la orienta stacio de Parizo. Pluraj el liaj tiamaj lernantoj ankoraŭ nuntempe estas membroj de nia franca landa asocio.

Post la milito s-ro Poly klopodis kunigi fervojistajn esperantistojn por eventuale starigi fakan grupon. Jam en junio 1945 li aperigis alvokon en la faka gazeto "Notre Métier" kaj vizitis malnovajn esperantistojn por reaktivigi ilin. Tiel li sukcesis starigi en 1946 novan grupon, kiun li intencis aligi al la Franca Esperanto-Unuiĝo kiel fakan asocion. Sed fine la nova grupo kreskis rapide kaj oni fondis memstaran fervojistan societon sub la nomo "Franca Fervojista Esperanto-Asocio", kiun ĝi hodiaŭ ankoraŭ portas kaj kies unua prezidanto Poly estis de 1946 ĝis fino de 48. Poly i.a. iniciatis vojaĝojn al eksterlando, ekz. tiun al Nederlando en majo 46. Tiaj klopodoj fine kondukis al la fondo de IFEF. En 1947 Poly kreis la unuajn rilatojn al UAICF, la posta franca sekcio de la FISAIC.
Depost 1948 li daŭre donis siajn fortojn al FFEA, gvidis kursojn en la pariza orienta stacio, partoprenis kongresojn kaj ĉiam estis helpopreta. Dum kelka tempo li ankaŭ estis prezidanto de la pariza grupo de UEF (la franca E-unuiĝo).
Jen homo modesta kaj afabla, kiu grave kontribuis al tia evoluo, kiu fine ebligis, ke ni hodiaŭ povas travivi la 30-an kongreson de IFEF. Pro tio li meritas esti nomumata Honora Membro de IFEF.

## LA 30-a IFEF-KONGRESO

### HISTORIO-KOMISIONO

Raporto de la gvidanto

Jen konciza superrigardo pri la ĝis nun farita:

1. Per demandilo n-ro 1 en 1976 ni esploris la opiniojn de la landaj asocioj pri kelkaj bazaj elementoj de la historio-broŝuro.
2. Per nova demandilo en '77 ni havigis al ni sciojn pri diversaj faktoj. En tiu konekso mi memorigas, ke kelkaj landaj asocioj post apero de la historio redaktita de de Jong plendis, ke mankis gravaĵoj, kaj ke oni ne partoprenigis ilin en la preparo. Estas klare, ke en la planita Historio nur povos aperi faktoj ekzakte kontrolitaj - ĉar tiu historio ja ne fariĝos romano, sed dokumento - kaj krome ni ne povos aperigi ion, kion oni ne sciigis al ni.
3. Por kompletigi niajn klopodojn havigi taŭgan materialon, ni publikigis en "IF", "Heroldo" kaj "Esperanto" anoncojn, per kiuj ni serĉas malnovajn revuojn, glumarkojn, insignojn, fotojn ktp. La eĥo ĝis nun ne estas kontentiga. Denove ni petas, precipe maljunulojn, hejme aŭ ĉe amikoj serĉi tian materialon, kiun ni kompreneble redonos, se dezirite.

Por la venonta jaro ni planos jenan:

4.1 Ni sendos demandilon al niaj landaj kunlaborantoj kun kelkaj precizaj demandoj.
4.2 Ni petos ĉiun landan asocion verki tute koncizan historieton pri la propra lando (se ne jam farita).
4.3 Ni petos taŭgajn fotojn se eble malnovajn, filmoj-ekstratojn, detalojn pri iam tradukitaj fervojaj reglamentoj kaj pri Esperanto-klarigoj en horaroj, fervojaj prospektoj ktp.
4.4 Ni petos liston de iamaj landaj funkciuloj plej gravaj.
5. Ankaŭ pri la du daŭraj komisionoj (TK kaj FK) ni bezonos materialon.
6. Restos por la momento trovi unu aŭ kelkajn bonvolajn homojn, kiuj pretas kaj kapablas skizi malneton por la titolpaĝo de la broŝuro.

### TERMINARA KOMISIONO

Refoje okazis 3 laborkunsidoj de la Terminara Komisiono, kiujn partoprenis kunlaborantoj el 10 landoj. Oni aktualigis la staton de la faritaj laboroj kaj interkonsentis pri la komunaj laboroj venontjaraj, eksplikante la konkretajn taskojn laŭ la laborplano. Dum la kunsido la kunlaboranto el Finnlando, s-ro Narvala, prezentis esperantlingvan tradukon de la "Ĝeneralaj transportkondiĉoj" (kajero I) el la Komuna Internacia Tarifo por la Transporto de Pasaĝeroj kaj Pakaĵoj (TCV). Temas pri la plej aktuala eldonaĵo, valida ek de la 1-a de majo 1978! (La teksto estas havebla ĉe la komisiona sekretario, adreson vidu malsupre.)
Dum unu el la kunsidoj ĉeestis la du japanaj kongresanoj, Akira Shibata kaj Naosuke Nobuki. Ili sciigis, montrante titolpaĝan fotokopion, ke la Japanaj Ŝtatfervojoj kreis propran eldonon de nia baza laborlibro, la UIC-Leksikono (II-a eldono), kun la japana lingvo kiel sesa lingvo anstataŭ la nederlanda.
Fruktodona estis la komuna diskutlaboro pri fakaj terminoj, por kiuj oni dum reviziado kaj korespondado

ne trovis interkonsenton pri diversaj tradukproponoj. 24 tiaj terminoj estis fintraktitaj.
Ĉi tiu fakte plej grava laboro de nia Komisiono unuafoje realiĝis dum kongreso. Ni esperas, ke pli kaj pli niaj kunlaborantoj eklernos la necesan disciplinon por koncize kaj celtrafe argumenti, aŭskulti la argumentojn de la aliaj, kaj poste rapide voĉdoni pri kompromiso. Nur tiamaniere ni povos progresi.

Oni esperas ankaŭ, ke antaŭ la venonta kongreso en Turku realiĝos interkongresa(j) kunsido(j), unu eble en Linz (Aŭstrio).

G. Ritterspach, Berliner Allee 1, D-6070 Langen, Germanio.

## LA 30-a IFEF-KONGRESO

### La Rektega Fervojo inter Romo kaj Florenco

Resumo pri prelego prezentita dum la 30-a IFEF-Kongreso en Romo 1978

La rektlinia distanco inter Romo kaj Florenco estas 232 km, sed la unua fervojo inter la du urboj, malfermita 1866, estis 372 km longa. Ĝi sekvis la Apeninan Montaron tra Orte, Terni, Foligno, Perugia kaj Terontola, la veturo daŭris 10 horojn. En 1867 oni kompletigis duan linion laŭlonge de la Tirena Maro tra Civitavecchia, Grosseto kaj Pisa, 414 km longa. Tria linio kun 316 km, malfermita 1876 kaj ĝis nun la ĉefe ekspluatita, kondukas tra Orte, Orvieto, Chiusi kaj Terontola, evitanta la grandan kurbiĝon de Perugia. Sur tiu ĉi linio aplikiĝas elektra trakcio de 1935, sed malgraŭ diversaj plibonigoj la linio konservis kun kurbiĝoj de 400 metra radiuso kaj multaj deklivoj tro modestan kvaliton por la kreskanta trafiko (220 trajnoj ĉiutage).

Tute novan kvaran linion kun 254 km (sen la du kapstacioj) oni konkrete ekprojektis 1968; pli ol la duono, nome 138 km, jam nun estas pretaj kaj uzataj, konstruadfino antaŭvideble en 1982. La nova linio servos kaj por rapidaj motortrajnoj kun rapideco de 220 km/h, kaj por rapidtrajnoj kun 180 km/h, kaj por vartrajnoj. Pasaĝertrajnoj gajnos 88 minutojn, la kurbradiusoj estas ne malpli ol 3000 metraj, la maksimuma dekliveco 8 o/oo, la distanco inter la du trakaksoj estas 4 m (ĝenerale 3,55 m); por trairo de eksterordinaraj ŝarĝoj la minimuma distanco ĝis obstakloj estas 3,90 x 4,70 m (internacia normo 3,50 x 4,39 m). Oni povas ekspluati ambaŭ trakojn en ambaŭ direktoj; survoje ne estas stacioj, ĉe 14 interkomunikaj postenoj eblas transiro de unu trako al la alia. Tie troviĝas ankaŭ trakoj por preterpasoj. En kvin lokoj eblas la transiro inter la nova kaj la malnova linioj.

La ŝpaloj de la nova linio estas ferbetonaj, la reloj pezas 60 kg/m kaj estas surloke elektre kunvelditaj. La malfavoraj geologiaj kondiĉoj multloke necesigis viaduktojn kun mallongaj spanoj kaj multnombraj pilieroj. La 28 tuneloj kune havas longecon de preskaŭ 75 km, do pli ol 30 procentoj de la linio; la plej longa mezuras 10,9 km. La aparte konstruita katenariotipo kun duobla kontaktodrato por la elektra trakcio (3000 volta kontinua kurento) estas plurloke interligita kun tiu de la malnova linio. La signaliloj fiksaj konformas al rapideco de 150 km/h, bremsaddistanco 1350 m; por rapidecoj ĝis 200 km/h la vojsignaloj ripetiĝas en la

stirejo ĝis la duobla bremsaddistanco, kaj pli altajn rapidecojn ĝis 250 km/h nur atingas specialaj trajnoj pro la kvarobla bremsaddistanco. Teleregado de la tuta linio de Roma Termini estas planita.

(La prelegon verkis d-ro Antonio DE SALVO, Romo, surbaze de informoj kaj donitaĵoj de la Dokumenta Servo de la Italaj Ŝtatfervojoj. Ĝin resumis Gernot Ritterspach, sekretario de la Terminara Komisiono).




ATENTU!

La desegnaĵo kompletigita, la tekstoj de la fakprelego kaj la resumo estas haveblaj ĉe: Gernot RITTERSPACH, Berliner Allee 1, D-6070 Langen, (Germanio).

## EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

FRANCIO

FFEA-Jarkunveno en Parizo, la 14-an kaj 15-an de oktobro 1978.

La grupo de Parizo de FFEA organizas programon, ĉi-sube resumita:
- solena malfermo
- teatraĵo en Esperanto
- bankedo
- tuttaga ekskurso en la pariza regiono.

Aliĝilojn kun ĉiuj informoj, mendu al Guy DELAQUAIZE - IFEF redaktoro - adreso sur paĝo 2 de IF-bulteno.

GERMANIO

22-a GEFA-jarkunveno en Bremen, de la 6-a ĝis 8-a de oktobro.

Sub aŭspicio de la senatano por trafiko s-ro Oswald Brinkmann. La organizantoj prezentas varian kaj interesan programon laŭ kultura kaj turista vidpunktoj.

Travivu agrablan aŭtunan semajnfinon en la ĉarma haven-urbo Bremen inter esperantistoj.

Aliĝiloj haveblaj: H.D. Hartig, Kasseler Str 76, D-2800 Bremen 1, Germanio.

ĈEĤOSLOVAKIO

La 26-an de aŭgusto 1978 okazos en urbo Havirov (norda parto de Moravio) konferenco de fervojista sekcio.

AŬSTRIO

20-a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno en MARIA ALM - Hotelo Hintermoos, de la 17-a ĝis la 24-a de marto 1979.

AFEF invitas al la 20-a IFES en Maria Alm ĉiujn junajn kaj junrestantajn esperantistojn, kiuj ŝatas la vintran sporton kaj vintran refreŝiĝon.

Maria Alm - Hintermoos situas en la regiono de la Stona Maro (Steinernes Meer) kaj apud de la Hochkönig (2.941 m alteco).

Mendu la aliĝilon al:
AFEF, A-1103 Wien, Poŝtfako 117.

FERVOJA KORESPONDA SERVO

Ni ricevis multajn petojn el orientaj landoj, kiuj deziras korespondi ĉefe kun Skandinavio, Francio kaj aliaj okcidentaj landoj.

Tre grava! - Bonvolu de nun noti la novan adreson de F.K.S.:
Fervoja Koresponda Servo
ĉe s-ro Jean DEMISSY
18, rue du Lieutenant Bourguignon
55600 MONTMEDY.

# NIA IFEF-FAMILIO

Geedziĝo.
La partoprenintoj de la lasta IFEF-skisemajno en Greinau (Germanio) certe memoras la simpatiajn gejunulojn Annemieke Posthumus kaj Goar Engelander, kiuj same ĉeestis. Ili geedziĝis la 28-an de aprilo en la urbodomo de Groningen. Ilia nuna adreso estas la jena:
Thomasweg 3, D-4796 Salzkotten.

Ni deziras al la juna paro feliĉan kaj harmonian vivon.

# NEKROLOGOJ

JUGOSLAVIO
Kun granda emocio ni eksciis, ke JAFE subite kaj neatendite perdis sian prezidanton

Mile Veličkovič el Niŝ.

Tio okazis en Opatija la 22-an de aprilo 1978 je la 16,30 horo tuj ĉe la komenco de JAFE-jarkunveno.

La morto de kolego Veličkovič estas terura bato kaj signifas gravan perdon por la Esperanto-movado en Jugoslavio. Nur en 1977 li akceptis kun vera entuziasmo la gvidadon de JAFE (vidu IF 4/77 paĝo 63).
Dum la unujara periodo de lia prezidanteco li faris multon. Li havis multajn planojn. Kaj nun subite haltis la koro, kiu favore batis por Esperanto.

Ni scias, ke JAFE perdis valoran homon, kiu ne facile estas anstataŭebla. Ni direktas sinceran kondolencon al nia jugoslava landa asocio.
Al la familio ni esprimas nian simpation. Al la kamerado ni konservos bonan memoron.

GERMANIO
Nia longjara fidela kaj ĉiam bonhumora membro

Franz Xaver Erhard, München

forlasis nin post longdaŭra grava suferado la 12-an de decembro 1977.
Li kaj lia edzino ofte partoprenis en niaj kongresoj. Ĉiam li estis bonkora kaj helpopreta.

La edzino de nia membro Alfrid Lemme

Hedwig Lemme, Ludwigshafen/Rh

mortis subite kaj neatendite post nur mallonga malsano en la unuaj tagoj de aprilo 1978.

Al ambaŭ familioj ni sincere kondolencas.
Ni konservos al iliaj familianoj bonan memoron.

NEDERLANDO
La 27-an de marto 1978 FERN perdis fidelan aninon

s-ino M.P. Bergman-Timmermans

en aĝo de 78 jaroj. Ŝi estis longjara membro de la utreĥta grupo, kie ŝi senbrue multe laboris kaj propagandis.

Al la edzo kaj al FERN ni esprimas niajn kondolencojn.

## NOTO DE LA REDAKCIO

**Pro manko de spaco ni devis prokrasti jenajn materialojn pri la 30-a IFEF-kongreso al venontaj numeroj:**

1. **Kongresraporto.**
2. **Protokolo pri la kunsido de Fakprelega Komisiono.**
3. **Raporto de la komisiono Varbado/Informado.**
4. Raporto de la Koresponda Servo.

---

## ANONCOJ

La unua eldono de la sukcesa lego-libro

"Amuzaj dialogoj en Esperanto"

(de A. Lienhardt) estas elĉerpita.

Dua eldono eventuale aperos, se sufiĉe da personoj estas interesataj.

Skribu al la eldonisto: U.E.A., 176 Nieuwe Binnenweg,
NL-3015 BJ Rotterdam (Nederlando).

---

Internacia Skolta Tendaro AGORA de la 2-a ĝis la 23-a de julio 78 en Wronczyn, proksime al Lednica, apud Poznan (Polujo)

Petu informojn al: Ĉefo de Organiza Komitato de IST-Agora
s-ro Pawel Janowczyk, Str. Hibnera Ga/4,
PL 60.224 Poznan.

---

La Landaj Sekcioj de IFEF kaj ĉiuj Fervojistoj Esperantistoj estis petataj sciigi al Vatikana Radio (Piazza Pia, 3 Roma) kaj al Radio Roma (Casella Postale 320 Roma), novaĵojn pri nia IFEF-movado por ambaŭ la Radio-Dissendoj, por ke ili povu disradii tra la mondo ion pri nia Fervojista Esperanto-Movado.

Ni denove substrekas tiun alvokon.

Skribu amase al ambaŭ la du Esperantaj Dissendoj.

---

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



---

La redaktofino por la venonta IF estas 10.7.1978

---

Grafika kaj teknika prizorgo: Esperanto-Centro Aarhus